Wikipedia

# Muzeo Glenbow

La **Muzeo Glenbow** en Kalgario estas la plej granda muzeo de Okcidenta Kanado kun pli ol 8600 m² da ekspozicia areo en pli ol 20 galerioj kiuj montras nur parton de kolektaĵo en kiu estas pli ol miliono da objektoj.



Muzeo Glenbow (nordorienta angulo)

La Instituto Glenbow-Alberta fondiĝis en 1966, kiam Eric Harvie donacis sian vastan historian kolektaĵon al la loĝantoj de Alberto. Kun oficejoj en urbocentra Kalgario vid-al-vide de la Kalgaria Turo, la Instituto prizorgas la Muzeon Glenbow, vizitebla far la publiko, kiu havas en si ne nur la kolektaĵojn de la muzeo, sed vastan kolektaĵon de artaĵoj, bibliotekon, kaj arĥivojn. En 2007 nova daŭra ekspozicio kun titolo "Mavericks" [Nekonformuloj] malfermiĝis al la publiko sur la tria etaĝo; ĉi tiu ekspozicio montras la historion de Alberto per la vivoj de 48 influaj kaj interesaj personoj. La estro de Muzeo Glenbow, Michael P. Robinson, estas membro de la Ordeno Kanada.

## Muzeo

La muzeo havas kvar ĉefajn kolektaĵojn:

- #Kultur-historio
- #Etnologio
- #Milit-historio
- #Mineralogio




Enirejo de Muzeo Glenbow

## Eksteraj ligiloj

- retejo de Muzeo Glenbow (http://www.glenbow.org)